# Al miaj gelegantoj

Jen mia lasta numero de ĉi tiu jaro. Mi venkis la unuan jaron, la plej terura jaro por ĉia entrepreno esperanta. Mi celis de la unua momento kontentigi ĉiujn gelegantojn. Ĉu estas eble fari pli ol mi faris? De la dua numero mi estis deksespaĝa, multaj kaj belaj bildoj aperis sur miaj paĝoj, kaj, aparte, mi donacis esperantajn broŝurojn. Estis neeble ekeldoni la Enciklopedion de unu el miaj redaktoroj, staba kapitano, S-ro Fernando Redondo, kaj ĝin disdoni senpage al miaj gesubtenantoj, kiel mi sciigis. Mi estis, dum ĉi tiu jaro, efika ligilo inter multaj esperantistoj el hispanaj regionoj, kaj efike influis por veki esperantistojn kiuj laciĝis kaj kiujn milito malkuraĝigis; ree ili respondis entuziasme al mia alvoko, kaj novaj grupoj fondiĝis.

Mia celo! Kia estas? Karegaj gelegantoj miaj! Mia celo estas vasta, ŝajnas ke mi pretendas neeblaĵon, sed kvankam juna, tial ke mi estas firma kaj volema, mi atingos starigi iam Zamenhofan Hejmon, kiu estos por miaj subtenantoj, ĉe ni, same kiel Centra Oficejo de U. E. A. por esperantianoj, kaj samtempe sanktejo de nia kara lingvo, de kie oni povu disvastigi Esperanton ĉien, helpi esperantistojn kiujn ajn, por ke ili sukcesu propagandi, kaj tion fari per ĉiaj rimedoj; donaci broŝurojn, librojn se eble, kaj eĉ kvar koloritajn bildojn ĉiukvaronjare. La bazo, por ĉi tiu kvazaŭ salomona templo, estas mi, ĉi tiuj dekses paĝoj kunigontaj volojn ĉies kaj fandontaj ilin je unu sola, kiu ĉiam kaj senĉese laboros por la triumfo de Esperanto kaj tial plej bone honori nian gloran Mortinton, nian karan Majstron, D-ron Zamenhof.

Antaŭen, karaj gelegantoj! Mi vizitos vin ĉiumonate, kiel dum mia unua jaro, kaj se iam mi iom malfruiĝas, nur ĉagreniĝu pro deziro min legi kiel eble plej baldaŭ, ne pro timo pri mia morto.

Feliĉojn tutplenajn kaj tutkorege por vi, ĉiuj, dum la nova jaro.

Je la nomo de
HISPANA ESPERANTISTO,
*Julio Mangada Rosenörn*

---

# Monumentoj al Doktoro Zamenhof

Bedaurinde mortis la bonega viro, la saĝa elpensisto nomita Lazaro Ludoviko Zamenhof, la amanto de la paco, la amiko de la homaro, kies koro dispeciĝis vidante ke

«popolo, popolon atakas kruele,
frat' fraton atakas ŝakale.»

Sed felice, li postlasis monumenton neruinigebla en la animo de ĉiu esperantisto.

Kvankam tre laŭdinda estas la projekto starigi artan monumenton por rememorigi lin, ne sufiĉas. Nepre necese estas ke D-ro Zamenhof vivu en ni, por ke nia individuala kaj nia komuna laboro sukcesu anstataŭi, kiel eble, la laboron faritan de li, kaj sekve, ke ni propagandu senlace la karan lingvon Esperanto.

Tial, mi deziras ke en ĉiu urbo, urbeto kaj kampara domo, kie loĝas esperantistoj aŭ nur aparta esperantisto, oni dediĉu al li monumenton, sed tre grava kaj tre bela,

kies strukturo estu pli mirinda ol tiu de ĉiuj monumentoj starigitaj en la mondo, samtempe malkara kaj vivplena, monumento kiu konstruos sin mem, metinte en la teron peceton de alia similo; ke ĉiam, jaro post jaro, grandiĝos kaj ankaŭ beliĝos. Ĝi povas altiĝi multajn metrojn, daŭri ne nur multajn jarojn sed centjarojn, kaj foje resti eterna-eterna ja, sed kun la kaduka eterneco de ĉio kio estas surtere; ĉar kiam oni rimarkos ke la arbo estas baldaŭ pereonta, oni povas detranĉi kaj planti branĉeton. Tiam, la nova kreskaĵo estos rekta daŭrigo de la antaŭa.

Mi pensas ke oni devas fari tion en la feliĉa tempo kiam la internacia paco estos signita, kaj tiamaniere la Zamenhofa arbo rememorigos samtempe la finon de la nuna terura milito kaj la nomon de la amanto de la paco. Se en la urbo loĝas multaj esperantistoj, oni devas aldoni artan rememorigan ŝtonon kun skribaĵo: «Tiu arbo estis plantata la jaron de la paco 1918?, kaj dediĉita al doktoro Zamenhof, glora elpensinto de Esperanto».

Decas ke tio estu farita solene, kaj kun ĉeesto de la ĉefaj personoj de la urbo, ke la ĵurnaloj raportu la feston. Tio taŭgos por la propagando, kaj la arbo rememoros al ni, ke, kun la paco alvenis la tempo por propagandi ageme, senlace kaj sindone, por la bono de la homaro. Tiamaniere, tio helpos por cikatrigi la terurajn vundojn kaŭzitaj dun la nuna abomeninda milito, kaj por ke la malamo, kiu nun sufokas la mondon, estu plej rapide anstataŭata de la amo, patrino de la progreso kaj de la kulturo.

*R. Codorníu*

---

# Mia deviga foresto el Madrido

*Dekkvin tagojn en la Pireneoj*

Norden de la fama ŝtonego de *Uruel*, la kamparo estas preskaŭ ebena kaj nomata *Campo de Jaca* (Kamparo de Ĥaka) ĉar sur ĝi staras la antikva urbo *Jaca*, kiu ludis gravegan rolon por la Historio de *Aragon*. La urbleĝoj de ĉi tiu urbo estis tiel gravaj kaj famaj, ke multaj eminentuloj el ĉie alkuris por ilin studi, kaj tial la reĝo *Alonso II*ᵃ ordonis arigi la privelegiojn aŭ urbleĝojn kaj oni formis libron faman, nomata *Libro de la Cadena* (Libro de la Ĉeno), kiun ankoraŭ konservas la urbestraro, kaj tiel nomata ĉar ĝi kuŝis sur la skribtablo de la urbestro, alligita al ĉi tiu skribtablo per ĉeno ĝis antaŭ nemulte, en la salono de urbtribunalo.

Nevidebla de malgranda distanco, kvazaŭ kvartalo de la urbo, ŝajnas elstariĝi el tero antikva fortikaĵo bastionigita, kvazaŭ kvinpinta stelo, kies remparoj apenaŭ estas pli altaj ol la nivelo de la tersupraĵo. Larĝa kaj profunda fosaĵo ĉirkaŭas la fortikaĵon.

Kontraŭ la fortikaĵo, Norden, ĉe la piedo de la moderna fortikaĵo «Rapitan», aperas intermonto *Çanfranc* (Kanfrank). Je malgranda distanco de la eniro, la valo mallarĝiĝas kaj profundiĝas, ĝiaj flankoj estas tre altaj kaj krutaj kaj ofte kun teruraj ŝtontranĉaĵoj. Sur la fundo fluas la rivero *Aragón*, ĉe gia dekstra riverbordo plilongiĝas la ŝoseo kaj sur la maldekstra deklivo la nova fervojo. Belegaj vidaĵoj kun arbaroj aŭ prezentantaj altegajn rokojn grizajn, kvazaŭ ciklopaj kaj Dante'aj konstruaĵoj, mirigas la vizitanton.

La *Aragono* fluas ĉu rebruetanta, ĉu trankvila kaj silenta, ofte tra mallarĝaj tranĉaĵoj de la roko kaj sub arkaĵoj el branĉaro, ĉu saltanta de roko al roko. Ĉie ĝi prezentas belajn pejzaĝojn.

La valo, je iom pli supre de kie malfermiĝas la buŝo de la internacia tunelo ŝajnas fermiĝi, kunigante ambaŭ deklivojn, sed tra kvazaŭ gorĝo antaŭeniras la ŝoseo kaj la Aragono fluas inter profundaj tranĉaĵoj de la roko, ĉe la piedo de granda ŝtonego sur kiu staras la moderna fortikaĵo *Çoll de Ladrones*. De tiu fortikaĵo la vidaĵo estas belega, super ĉio, tiu de la profunda valeto de l'*Izas*, rivereto fluanta ĉiam saltante kaj formante belajn kaskadojn. De la supro de tiu valeto oni rigardas, malproksimen, grandegajn ŝtonegojn grizajn kvazaŭ sonor-

ilejo de grandioza preĝejo, tial nomata hispane *Campanal.*

Kiam la vagonaroj funkcios, la turisto havos belegajn regionojn tra kiuj admiri beļaĵojn sennombrajn de la Naturo. La karaktero de la loĝantoj estas sindonema, milda, naiva kaj nobla. ¡Mi havis grandegan plezuron ĝuante tiom da belaĵoj naturaj! En tiuj kamparoj ŝajnis al mi songi kaj aŭdi militkrion «desperta ferro» de la *almogavares,* de tiuj kuraĝaj, facilmovaj kaj spertaj filoj de la Pireneoj, kiuj verŝis sian sangon heroe ĉe la bordoj de l'*Bosforo* por defendi la bizantinan Imperion kontraŭ la turkoj. Ankoraŭ oni vidas ĉe ĉi tiuj montaroj, la *capra hispanicus,* saltante de roko al roko, tra la kampo, kie la *almogávares* fortikigis siajn muskolojn kaj heroajn animojn. ¡Ĉe ĉi tiuj montaroj tre bone fortikiĝas la korpo kaj la spirito!

*Julio Mangada Rosenörn*

*Coll de Ladrones,* la 15-an de Oktobro 1917.

---

# Ĉio estas malvarma

Malvarma estas la ĉiel' nuba,
malvarma vento, tero kaj maro;
glacio kuŝas jam sur tegmento,
glacio kuŝas sur trotuaro.

Kreskaĵoj, ŝtonoj kaj homaj korpoj,
kaj jam la tuta norda duonsfero;
eĉ la animoj estas malvarmaj
tute malvarmaj pro malespero.

La neĝo falas, Naturo mortas,
jam vi forflugis, birdoj migrantaj;
jam mi ne vidas verdajn foliojn
kaj vi silentas, birdoj belkantaj.

Kiel forflugis mia juneco
tiel vi pasis, bela sezono;
kiel mi perdis mian feliĉon
de l'Mond' forkuris nun ĉiu bono.

Glaci' haltigas la riveretojn
kaj l'arbaretoj ne estas ĉarmaj;
jam eĉ la homaj interrilatoj
pli kaj pli estas froste malvarmaj.

Tamen ankoraŭ varmego restas
ĉar mia korpo enhavas flamon,
ja mia brusto brulas interne
ĉar mia koro enhavas amon.

*Rafael de San Millan*

# ROMANETO

La dekdua nokte eksonas kiam Dolnjo malfermas la pordon de sia blanka kaj pura dormĉambro. Nur ekrigardo, super la meblaron de simpla sed eleganta formo, sufiĉas por bone kompreni ke ĝia loĝantino estas juna kaj eble bela. Efektive; ŝi estas dekkvinjara kaj ŝia belego nur estas komparebla je tiu de kerubo. Ŝi estas gracikreska, la blondaj bukloj de ŝia kapeto ŝajnas oraj spikoj, ŝiaj grandaj bluaj okuloj du revemaj lagoj je kiu la ĉielo sin rigardadas, ŝia buŝeto malgrandeta rozo freŝa.

Nun ŝiaj palpebroj fermiĝas; ŝi estas tre laca. Hodiaŭ estas alveninta el la urbo kun siaj gepatroj, por pasigi la varman sezonon, kie! ĉiujare, en tiu-ĉi bela domo ĉirkaŭata de ĝardenoj kaj jen ke sciinte ŝian alvenon la amikinetoj el la somera kolonio iris saluti ŝin kaj la tutan tagon ŝi pasigis vizito post vizito nepovante ordigi siajn propraĵojn.

Sed ŝia plej granda interesiĝo estis la aranĝo de la ĉambro de ŝia frato por ke nenio manku en ĝi.

Grandega estas la ĝojo ĉe la familio pro la alveno de la unuanaskito; li alvenos kunportante abiturientan diplomon de si gajnita.

Ho! Kiel ŝi kredas amuziĝos! Same kiel pasintajn jarojn ŝi faros kelkajn ekskursojn kune kun la geamikoj kaj ŝi pasigos trankvilajn tagojn okupante sin per delikataj laboroj kaj gajaj ludoj. Tiu-ĉi fako estas por ŝi la plej interesa.

Kaj tiel pripensante la bela Dolnjo sin pretigas ekdormi, apogas la kapon sur la molan kapkusenon kaj fermas la okulojn...

***

La sunleviĝo ĵus okazis.

Preter la loĝejo de Dolnjo pasis kantantaj kamparanoj kvazaŭ salutante la novan tagon. Oni aŭdas la bojoj de la hundoj, fidelaj kunuloj de ĝiaj mastroj kaj la pepantajn birdetojn.

Ŝia deziregо revidi ŝian fraton vekas ŝin.

Denove venas en ŝian kapon la promesantaj iluzioj pri amuzaĵoj.

—Ni multe ludos kaj ni multe ĝuos!—paroletas ŝi kaj kompleza rideto aperas ĉe ŝiaj lipoj, sed subite, duba penso trapasas ŝian kapon; tiu kompleza rideto haltas kaj devenas maldolĉa, ŝia vizaĝo elmontras ĉagrenan aspekton.

—Mia frato jam estas deksepjarulo kaj abituriento—estas la penso de Dolnjo—, kaj eble sur lia vizaĝo jam aperis la profilo de lipharo. Ĉu li volos ludi?

Vane ŝi volas tion forpeli el sia menso, ŝi sentas la tutan maldolĉecon de kontraŭdira timo, kaj ankaŭ vane, farinte kaj detruinte amason da pensoj, neatinginte solvon, alvokas la dormemon, moviĝas nerveme kaj fine nepovante plu reekdormi, ellitiĝas.



PREĜEJO «SAN PEDRO» (AVILA)

Kiam la ĉambristino, malforte frapante la pordon, anoncas ŝin ke ŝi devas vekiĝi, ŝi estas preta por foriri de antaŭ duonhoro.

* * *

Ne nur la familio de Dolnjo troviĝas sur la perono de la fervojastacidomo por atendi sian unuanaskiton; ankaŭ la familio de Ludoviko estas tie atendante tiun-ĉi.

La ĝojaj gepatroj interparoladas emocie pri siaj filoj kaj ĉiu vorto pligravigas la timojn de la infanino.

Jen alvenas la vagonaro kaj desaltas el ĝi du elegantaj junuletoj kiuj ĉirkaŭprenas siajn familiojn kaj salutas la gekonatojn.

Kion sentas la bela Dolnjo ĉe la unua rigardo de tiu malnova amiko? La parolo *fraŭlino* per kiu li, time salutante ŝin, anstataŭas *infanino'n*, estas kvazaŭ sunradio kiu disŝiras la nigrajn nubojn el ŝiaj pensoj kaj sentigas al la junulineto la parfumon de nova vivado.

* * *

De tiu neforgesebla tago ŝi ne plu priokupiĝis pri ludoj, kaj nur memoras, ke kiam ŝia amiko manpremis ŝin, iliaj manoj ektremis.

Ŝi rimarkas, ke kiam li parolas al ŝi frazojn neaŭditajn de ŝi ĝis nune, ŝia koro batas pli rapide kaj plenĝoje kaj ŝi sin sentas senfine feliĉa.

«La amo, simila je la hirundo serĉanta el la sezonoj la printempon por nestkonstrui, ankaŭ ĝi serĉas el la homaro la printempon de la koroj.»

*María Julivert*

Vendrell, 4 de Decembro 1917.

# Larmoj de la diablo

En monaĥejo kies loĝantoj estis drinkemaj kaj iom nemoralaj eniris foje Satano kun lac elo drinkigi la monaĥaron kaj senkreditigi ĝin; sed kvankam li iris kaŝe, tiel lertaj estis la monaĥoj ke multaj el ili konis lin, kaj avertis la ceterajn pri tio. Ili alportis la trinkotan vinon ĉe la nura sankta viro kiu vivis en la monaĥejo kaj kiu diris tiom da malbenaĵoj kaj tiel teruraj paroloj ke la vinujo preskaŭ krevis.

Satano, por entuziasmigi la monaĥojn per sia konduto, levis la vinujon per la ungegoj kaj trinkis la vinon senhalte; do, li ŝveliĝis de la kalkanoj ĝis la kornoj kiel felsako; tuje li sentis ĉe la stomako la varmon de l'malbenaĵoj kaj de l'vino, kaj ridegis gaje. Li estis ebria. La vaporoj de l'malbenita vino eliris tra la buŝo de Satano iĝintaj blasfemoj kiuj tremigis la domon.

La monaĥoj jesis ke la diablo antaŭ eliri el la monaĥejo estos pentinta, kaj la diablo ĵuris, je sia ribelado, ne eliri antaŭ diboĉigi la monaĥaron.

Oni fermis la pordojn kaj fenestrojn per krucformaj fermiloj kaj la diablo persekutis en la manĝejo la monaĥojn, kornofrapante ilin, unu el kiuj vundis lin pike per du ekbruligitaj kandelegoj (1), kaj fine, kiam li falis ili sukcesis ligi lin.

—Banu ni lin per sanktigita akvo—diris monaĥo svingante aspergilon. Sed la akvo anstataŭ akvumi la satanan haŭton produktis sur ĝi doloregajn vundojn.

—Kion vi deziras de mi?—demandis la diablo, malebriigita de la unuaj aspergoj.

—Ke ci pentu.

—Mi jam pentas je mia eniro en la monaĥejo.

—Ke ci redonu la fratojn de nia monaĥaro ke ci gardas en ciaj kavernoj.

—Ne estas sufiĉa loko por ili en la tuta provinco.

La monaĥo aspergis la diablon kaj Satano kolere akvumis per siaj larmoj la lipojn de la monaĥoj.

—Fi! Kia maldolĉa trinkaĵaĉo—ekkriis ĉiuj—Kia abomeninda likvoro taŭga nur por puni la malbonulojn! Donu al ni la recepton de ciaj larmoj kaj ci estos libera.

Satano tuje donis ĝin kaj eliris el tie bloveblekante.

Kaj de tiam la homoj trinkas la diablajn larmojn, kiun nomas «biero».

*J. F. B.*

(1) Unu el ludoj ĉe la taŭrludado estas eksciti la koleron de la besto per fajraj pikiloj. Laŭ la jena rakonto tian ludon parodiis la monaĥoj. (Rimarkigo de la Trad.º)

# Pri la floraj ludoj

## III

La Grekoj nomis *Chloris* la diinon, kiu prezidis la florojn kaj la ĝardenojn. *Céfiro*, kun kiu ŝi edziniĝis laŭ la fabelo, donis al ŝi tiun imperion, kaj tial ke li konservis al ŝi ŝian primitivan junecon, ŝi ĝuis eternan printempon. La Grekoj disvastigis ŝian kulton tra *Etruria* kaj reprezentis la diinon per statuo de junulino belega, kronita el floroj, tenanta kornon de la abundeco plena je floroj, kaj en *Romo*, en ŝia templo, proksime je la *Capitolio*, oni adoris ŝin, de kiam *Tacio*, reĝo de la *Sabinoj*, starigis tie ŝian kulton. Je 413, 513 aŭ 525 de Romo, laŭ diversaj opinioj, festis ĉi tiun diinon, kaj je ŝia honoro oni okazigis florajn ludojn, ĉar la konsuloj *L.* kaj *Marco Publicio* tion ordonis. Oni okazigis ĉi tiujn ludojn dum tempoj senfruktodonaj aŭ kiam tion proponis la libroj de la *Sibylas;* sed, tial ke je la jaro 580 de

Romo okazis granda malsato kaj mizero ĉar la kampoj estis senfruktodonaj, la senato, por kontentigi la diinon, leĝigis okazigi florajn ludojn ĉiujare je la 28ª de Aprilo kaj je la 1ª de Majo.

Ĉi tiuj ludoj okazis nokte, en ronda areno, lumigata, kiun oni starigis en la placo *Patricia*, en kiu oni kantadis kaj dancadis naive kaj honeste; sed kiel neniam mankas io kio malbonigas la plej bonajn kutimojn, baldaŭ prostituiĝis ĉi tiuj festoj.

*Flora* aŭ *Aca Laurencia*, publika prostituulino je granda beleco kaj famo, mortis testamentinte ke ŝiaj bienhavaĵoj estu por la urbo, kaj *Roma* fondis per tiu legato ludojn je ŝia rememoro, kiuj baldaŭ unuiĝis kun la floraj. La plej granda diboĉo regis ĉi tiujn ludojn, tiel skandale, ke, krom kantoj de la festoj de *Priapo* kaj tiuj de la orgioj de *Baco*, la prostituulinoj sin prezentis tute nudaj por danci kiel eble plej senhoneste kaj volupte je la takto de flutoj ludataj de senhonestuloj kaj voluptemuloj. Malgraŭ plendoj de *Caton*, ĉi tiuj diboĉoj kaj malĉastaĵoj okazis dum ĉi tiuj festoj, kiujn ĉeestis nobelulinoj kaj kavaliroj de *Roma* kaj eĉ iam la regantoj mem. La poetoj, je la komenco, verkis kaj legis himnojn por kanti la belecon de *Chloris*, ŝiajn virtojn kaj ŝiajn bonfarojn por la homoj; sed kiam la festoj prostituiĝis ili verkis kaj kantis pri senhonesteco, diboĉo kaj volupto.

Oni nomis la florajn ludojn pro tio, *festoj de la prostituulinoj*. Oni rakontas, ke, tagon, ĉeestante la famkonata *Caton* ĉi tiujn festojn, la popolamaso ne kuraĝis peti la eliron de la nudaj virinoj, sed rimarkinte tion lia amiko *Favonis*, ĉi tiu parolis al *Caton* pri la embaraso de la ĉeestantoj, kaj *Caton* eliris tuj por lasi libere la ĉeestantaron. Ĉi tiu, kompreninte kialon de la foriro, aplaŭdis *Caton*, petante samtempe eliron de la dancistinoj. La popolamaso estis pli respektema je *Caton*, ol je la tuta ĉeestantaro. *Séneca*, *Marcial* kaj *Valerio Máximo*, priskribas ĉi tiun okazintaĵon. La famaj verkistoj *Juvenal*, *Ovidio*, *Plinio*, *Tácito*, *Lactaocio*, *Arnobio*, *San Agustin*, *Vossius* kaj *Bosin*, priskribis florajn ludojn.

Pli severaj la *galloj*, ĉar tiel postulis ĝia religio, kiam imitis festkutimojn de la romanaj almilitantoj, eligis el tiuj festoj malĉastaĵojn kaj alpropriĝis entuziasme utilan parton, kaj tiel, kiam je Majo oni okazigis ĉe l'*Ainai* aŭ ĉe l'*Ateneo de Lion* famkonatajn ludojn, fonditaj je la honoro de *Augusto*, ludoj samaj je tiuj de *Chloris*, ilin regis la plej granda seriozeco kaj ĝentileco. Ĝenerale ĉi tiuj ludoj estis atletaj kaj ankaŭ literaraj kiujn precipe partoprenis la poetoj, kaj, kvankam nuntempaj aŭtoroj nenion diras al ni pri premioj por la venkintoj, tamen la tradicio konservis rememoron pri la puno por la venkitoj; la juĝistaro kondamnis poetaĉojn; ĉi tiuj, fojon, estis devigataj malaperigi la skribaĵon per la lango; fojon, ĵeti poeziaĉon al la rivero; fojon, dispecigi trankvile la verkaĉon antaŭ la publiko. Pri tiuj ĉi teruraj kaj hontigaj punoj parolas al ni la versoj de la unua satiro de Juvenal, komparante timon de poeto, devigata legi sian verkon, kun tiu de vojaĝanto piedpremanta serpenton. Terura certe devis esti tiu sentenco por la malfeliĉaj poetoj, sed rimarkante ke tiam oni ŝategis la poezion kaj oni ne toleris poeziaĉojn, ne estas strange tiu rigideco, tiu severeco, kaj estas bedaŭrinde ke poste kaj hodiaŭ ne okazu same.

Ju pli *Roma* ŝanĝis humilajn plafonojn per aliaj riĉskulptitaj, ju pli *Roma* ŝanĝis kabanojn per palacoj grandiozaj, des pli la fiereco, la mallaboremeco kaj la indiferenteco anstataŭis la modestecon, la heroan kuraĝon kaj la scivolemon de la unuaj tempoj de la respubliko. La nescio, gvidata de la vanteco kaj lukso plialtiĝis, entroniĝis, kaj la artoj kaj beletristiko estis forlasataj. Tamen, dum kelke da tempo la poezio persistadis dank' al belegaj verkoj de ***Virgilio***, de la sprita ***Marcial***, de la satira ***Juvenal*** kaj de aliaj talentuloj, ĝis kiam malfeliĉo por la civilizita mondo venis entombigi terure bele artojn kaj ĉian elmontraĵon de civilizacio. La kantistoj de Grekujo kaj Romo mutiĝas pro la terura blekado de la barbaroj de



PORDO DE LA PRIVATA DOMO (AVILA)



PORDO DE LA PALACO «POLENTINOS» (AVILA)

l'Nordo, kaj kiam ĉi tiuj invadis la sudan Eŭropon, la *plectro* jam ne sonorigas la mildan liron.

Kvankam la poezio dum la renaskiĝo kaj nuntempo elĉerpis kaj elĉerpas riĉajn motivojn el tiu terura epoko, kiam la nordaj nacioj barbaraj invadis la civilizitan mondon; tamen, tiu epoko ne estis favora por tiuj kiuj tiam vivis, ĉar la kantoj de tiuj gentoj estis sangaj kaj detruantaj. Torentoj el sango surverŝis kaj ruinigis ĉiajn civilizaciaĵojn.

Post multe da tempo la civilizacio havis loketon ĉe ĉi tiuj sovaĝaj gentoj, sed dank-al tempo, kiu ĉion venkas, kaj dank' al paco' kiu faciligas ĉion, mastroj la gotoj *(vizigotoj* kaj *ostrogotoj)* de la parto plej fruktodona de Eŭropo, la militkutimoj teruraj plibonigis, mildiĝis pli kaj pli, kaj la perdita kulturo ekreaperis iom post iom reakirante la kampon, uzurpita de la barbareco.

Same kiel en la plej antikvaj tempoj la poezio celis almiliti la plej bonan kulturstaton, ravigante per siaj ĉarmoj la koron de la homo, same dum la mezepoko ĝi celis mildigi la kruelajn kutimojn, kaj gvidi la homan koron en plej dolĉan, feliĉan kaj plaĉan staton, stato plej inda je ĝi. La ĉiela donaĵo mildigi kutimojn apartenas nedube al la poezio, kaj certe neniu dubos pri tio, al ĝi kaj al filozofio ŝuldas la kulturo ĝian eliron el la ombregoj de la mezepoko.



# KRONIKO

## EŬROPO

**Britlando:**

La propagando tie daŭras kaj estas tre fruktodona. Laŭ diro de unu el la pioniroj la movado «bolas». Ni rajtas esperi tre gravajn rezultojn. Ni povas konstati jam ke post la priparolita eksperimento en la popollernejo en Eccles, kelkaj aliaj lernejdirektantoj enkondukis tiajn provlecionojn pri Esperanto dum la lernojaro 1917-18: Ĉe du lernejoj en Keighley, du en Eccles, kaj du en Glasgow. Por la venonta jaro, ni kalkulas en unu sola lernejo 151 knabinojn, kiuj lernas Esperanton.

**Franclando:**

*Angers.* —Du kursoj rekomenciĝis anoncitaj de la lokaj gazetoj. Unu, gvidata de Prof. Muffang estas aŭskultata de 12 gelernantoj, la alia de S-ro Robin, instruisto estas aŭskultata de 19 gelernantoj.

*Beauvais.*—S-ro Demarcy ankaŭ rekomencis siajn kursojn: unu por komencantoj, kaj alia por pli lertaj. La gazetoj invitis ĉiujn fremdulojn por ke ili kunvenu por tiuj kursoj. La grupo en Beauvais intencas prezenti petskribon al la Komerca Ĉambro en la urbo, por ke ĝi apogu la ideon venintan el Britlando, ke oni akceptu Esperanton kiel internacian lingvon por komerco post la milito.

*Lyon.*—La *Cercle Esperantiste Lyonnais* organizas kursojn ĉiusemajne (marde) en sia kutima kunvenejo (Urbdomo) kaj funkcias dum la tuta tempo eĉ de la komenco de la milito. Inter aliaj kursoj la Socialista lernejo organizas kursojn pri Esperanto. La laborista grupo ricevas ĉiam novajn petojn pri propaganda petskribo. Ni povas ilin gratuli pro la tre lerta propagando, kiun ili faras en la gazetoj. Le *Progres de Lyon* anoncis la kurson ĉe la socialista lernejo.

*Narbonne.*—La kursoj ĉe la Laborborso bone prosperas, kaj niaj gesamideanoj sindone propagandas.

*Paris.*—La kunvenoj okazas ĉiam la unuan dimanĉon de la monato, kaj ĉiuj gesamideanoj estas kore invitataj. Je ĉiu kunveno ni havas invititojn el diversaj partoj de Franclando, kaj eĉ el la Mondo. Tiel ni havis lastatempe viziton de samideano el Sens, alia el Sotteville, kaj ankaŭ de Brita Samideano, S-ro Willis, kiu de longe ne plu okupiĝis pri Esperanto, kaj kiu subite reinteresiĝis. S-ro Willis loĝas kutime en Franclando. La 7-an de Oktobro la grupo organizis kunvenon je la memoro de D-ro Zamenhof. Dum tiu kunveno parolis Generalo Se-

bert pri la alta valoro de la ideo de Zamenhof ĝenerale. Prof. Aymonier, pri la alta valoro de la lingva laboro. S-ro Bricard ne povinte ĉeesti sendis tre altaniman leteron, kiu estas legita kaj varme aplaŭdita. S-ino Ferter-Cense parolis pri la simpleco kaj altanimeco de la vivo de Zamenhof. F-inoj Gaillot kaj Gérard deklamis tre bele la du gravajn poeziojn: *la Vojo* kaj *al la Verda Standardo*. Proksimume 200 geesperantistoj ĉeestis. S-ro Prof. Doktoro Charles Richet, kaj Paul Otlet ĉeestis la kunvenon. S-ro Emile Beer, el *le Figaro* esprimis bedaŭron pro ne veno, kaj esperas, ke la paroladoj faritaj dum tiu kunveno estos presitaj kaj legeblaj ie.

**Itallando:**

La Italaj samideanoj daŭrigas ĉiam sian propagandon. En *Napoli* fondiĝis grupo de junaj laboristoj celanta lerni la lingvon Esperanto. Tiu grupo fondiĝis post artikolo aperinta en la gazeto *Avanguardia* pri la verko de Zamenhof. En *Melfi*, S-ro Pietro el la Teknika Instituto de Melfi fondis grupon kaj propagandas per gazetartikoloj. S-roj Carolfi kaj Tellini ĉiam ageme propagandas.

**Nederlando:**

Niaj Nederlandaj samideanoj inaŭguris ankaŭ nun alian propagandmanieron, tio estas per la anoncoj en la ĉiutagaj gazetoj. Ili ne kontentiĝis per publika parolado, sed sekvigis ĝin de anoncoj similaj al la aliaj prilingvaj lecionoj. La rezulto montriĝis bona en *Wormerveer*. Multaj grupoj anoncas regule siajn kunvenojn. Formiĝis Militista Esperanta Asocio, por la militistoj, kiuj lernis, Esperanton dum sia mobilizo. La celo de la asocio estas: konservi la adresojn de tiuj ĉi kaj propagandi inter la aliaj mobilizitoj.

**Portugallando:**

*Lisboa.*—S-ro Saldanha Carreira faris paróladon pri «La Blinduloj kaj la Esperantismo», ĉe la Azilo Antonio Feliciano de Castilho (Blindula Instituto). La gazetaro anoncis la paroladon kaj poste aperis resumo pri la okazintaĵoj. La *Diario de Noticias* enhavis favoran priskriban artikolon. La ĉefaj direktantoj de la Institucio promesis lerni la lingvon. La sama samideano parolis ankaŭ ĉe la lernejo, de oficiroj en la ĉeesto de la oficiroj kaj Direktoro, sub-kolonelo Pereira Bastos, eksministro. Kurso sekvos. La lasta venko de nia samideano estas la akiro de permeso surporti la verdan stelon sur la oficira uniformo kun la vorto *Esperanto*. La permeso de la Ministro aperis en la tagordo de la oficira lernejo, kaj estas legita laŭtvoĉe je la «raporto». Ĉiuj estontaj oficiroj multe interesiĝis pri tiu fakto.

**Ruslando:**

Okaze de la vizito de la delegitoj de britaj kaj francaj socialistoj al Ruslando, la tieaj Esperantistoj faris propagandon por Esperanto. Tio estis des pli taŭga, ke la delegitoj parolis nur sian nacian lingvon! kaj devis diri ĉion pere de interpretisto! La Moskva Societo Esperantista dissendis 3.000 alvokojn al ruslandaj instruistoj por instigi ilin al studo de Esperanto kaj instruo de ĝi en la lernejoj. Kvazaŭ antaŭvido de la morto de la tiama reĝimo, aperis en *Novoje Vremia*, tute reakcia gazeto, artikolo de S-ro Menŝĉikov, kiu estis invito al ĉiuj lerni Esperanton: «la belan, mildan, melodian lingvon, eble la plej perfektan el ĉiuj homaj lingvoj.» Aperis anoncoj pri Moskva Librejo Esperanto en tiu sama gazeto, kaj en la «Niva». Multaj propagandaj folioj estas disdonitaj al la partoprenantoj en la festo de unua de Majo. Tiu folio estas titolita: Demokratio kaj lingvo Internacia. Ofte dum tiu tago aŭdiĝis la krioj: Vivu Esperanto, komuna lingvo de Internacio! Paroladoj estis organizitaj pri tiu temo dum la tago, ĉe la anguloj de la stratoj. Krom tiuj ĝeneralaj agoj, multaj grupoj montras gravan agemon.

*Anapa* (Kubansk. gub.).—S-ro Naumenko faras kurson al la lokaj maristlernantoj.

*Astrakan.*—Funkcias du kursoj, ĉe la komercaj klasoj.

*Baku.*—Novaj kursoj fondiĝis en la komenco de la jaro.

*Irkutsk.*—La tiea rondo Esperantista organiziĝas por esti oficiale registrita. La sidejo estos ĉe la Reala Irkutska Lernejo.

*Krasnojarsk.*—La militkaptitoj fondis kurson, kiu kunigas jam pli ol 50 lernantojn.

*Lugansk.*—Nova societo fondiĝas kaj prepariĝas por registriĝo. Fondo de societoj kaj kursoj estas anoncitaj en multaj aliaj urbo eĉ tute proksime al la fronto: *Narva, Odessa, Riga, Samara, Serpuhov, Tomsk, Taŝkent, Tula, Vitebsk, Vladimir, Vjazma* (Smolensk).

## SUD-AMERIKO

**Brazilio:**

Veran sukceson de niaj Brazilaj gesamideanoj ni povas registri, kaj tion ni faras plezure. Post parolado farita ĉe la Normala lernejo, kaj interparolado de tri el niaj plej fervoraj propagandistoj tieaj, kun la direktoro de la Publika instruado, tiu ĉi decidis la enkondukon de Esperanta instruo en la Normalan Lernejon, kaj en la duagradaj kaj metiaj lernejoj. La parolinto ĉe la Normala Lernejo estis S-ro Medeiros e Albuquerque, Esperantisto, ĵurnalisto, kaj eksdirektoro de la Publika Instruado. Parolis poste S-ro Everardo Backheuser, alia tre fervora propagandisto. La organizo de la kursoj estas konfidita al S-roj Backheuser kaj Couto Fernandes. Kursoj okazos en 16 lernejoj ĝis nun konataj. La kurson de la Normala Lernejo direktos S-ro J. B. Mello Souza. Tiu kurso komenciĝis kun 60 lernantinoj. La 20-an de Aŭgusto, ĉe la porblindula lernejo «*Benjamin Constant*» okazis malfermo de kurso pri Esperanto permesita de la Ministro pri internaj aferoj. La Direktoro de la Instituto prezidis. S-ro Backheuser faris paroladon pri la simpleco kaj utileco de Esperanto. Poste parolis profesoro de l'Instituto, Francisco Almeida blindulo kaj malnova Esperantisto, kiun la Brazila Klubo elektis por direkti la kurson. Kuraĝigaj estas tiuj okazaĵoj.

**Argentino:**

La Esperantisto el La Plata alportas al ni eĥojn pri la movado tie. 5 aŭ 6 grupoj funkcias kaj faras kursojn, en diversaj lokoj kaj per korespondo.—La *Club Oficial Esperantista*, en Rosario organizas Esperantan ekspozicion. Ni gratulas kaj deziras sukceson en tiu propagando.

## NORD-AMERIKO

Ni esperis ricevi la raporton pri la kongreso en Philadelphia, sed ĝis nun ĝi ne alvenis. Alvenis nur letero pri tiu kongreso, de samideano ĉeestinta. Laŭ tiu ĉi letero, la kongreso estis vera intima kaj propaganda festo, tute esperantista. La organizintoj kontentigis ĉiujn. La ĉeesto estis vera plezuro por la multnombraj alvenintoj. Ni sincere gratulas ĉiujn gesamideanojn pro tiu sukceso. Ni eksciis, ke kelkaj samideanoj Usonaj venas al la kontinento por milita kaj saniga servoj.

## A Z I O

**Hinlando:**

En *Peking* fondiĝis studo-grupo «La Vero». En Shanghaj fondiĝis socialista grupo.

## GAZETOJ RICEVITAJ

«Le Monde Esperantiste». (Novembro).

«Argentina Esperantisto». (Oktobro kaj Novembro).

«Holanda Pioniro». (Novembro).

«Esperanto Monthly». (Decembro).

«France Esperanto». (Septembro-Oktobro).

«Oficiala Gazeto Esperantisto». (Aŭgusto-Oktobro 1914).

«La Esperantisto». (Novembro).



# ENHAVTABELO

## GRAVURAĴOJ

## TEKSTO

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid

**Estas kolektoj plenaj de la jaro 1917**